# La Bulteneto

Numero 43 Jaro 2019

DULINGVA MAGAZINO ELDONATA EN VIENO





## Josef Ignaz Mildorfer – ekspozicio en Supra Belvedero

ĝis la 6a de januaro 2020: Paĝo 3

## Julia Isbrücker-Jaro 2020
## Invito al kunlaboro

Paĝo 9





# La Bulteneto

Numero 43 • Jaro 2019

Redaktejo - eldonejo - presejo:

Rudolfinergasse 8/11, 1190 Vieno, Aŭstrio, Eŭropa Unio.

esperanto@chello.at.

Fotoj sur la paĝoj 3 ĝis 8: Kopirajto Belvedere

Tekstoj kaj aliaj fotoj: Renate kaj Walter Klag

Sur la unua paĝo:

Supra Belvedero (Oberes Belvedere), la loko de la Mildorfer-ekspozicio.

Foto Klag

Papero: Mondi Color Copy 120 g $m^{-2}$.

Unverkäufliche, private Ausgabe – Nevendebla, privata eldono





Josef Ignaz Mildorfer: La Sankta Triunuo kaj la sanktuloj Rochus, Florian, Sebastian und Johannes von Nepomuk.
Iama altara bildo de kapelo en Schwechat (sude de Vieno), ĉ. 1755, oleo sur lino. Foto: Johannes Stoll © Belvedere, Wien



Josef Ignaz Mildorfer: Anĝelo aperas al Hagar en dezerto.
Malfruaj 1740aj jaroj.

# Josef Ignaz Mildorfer

Okaze de la tricenta naskiĝdatreveno de Josef Ignaz Mildorfer la muzeo Belvedero en Vieno prezentas ekspozicion por la honoro de tiu grava, sed subtaksita baroka pentristo. Belvedero posedas de Mildorfer unu el la ĉefverkoj, kiu montras sur altara bildo la Sanktan Triunuon kaj kvar sanktulojn (paĝo 3). Tri aspektojn de la arta vivo de Mildorfer montras la ekspozicio: Lia rolo kiel lernanto kaj profesoro por pentroarto en la Viena Arta Akedemio; liaj pentraĵoj por eklezio, nobeloj kaj burĝoj; liaj maloftaj bildoj montrantaj batalojn.

## Mildorfer kaj la Hered-orda Milito 1740-1748

La germana imperiestro Karlo la Sesa ne havis viran infanon. Tial li antaŭvidis sian plej aĝan filinon Maria Theresia kiel tron-heredanton. Post la morto de Karlo 1740 ekestis la tiel nomita Hered-orda Milito, ĉar aliaj princoj en la Germana Regno ne akceptis inan imperiestron. Dum tiu milito Mildorfer pentris la tiel nomitajn pandurojn; tio estas soldatoj, kiuj portis specialajn flag-rubandojn. Ili venis el la sudorienta parto de la habsburgaj landoj Slavonio, Transsilvanio, Hungario kaj Kroatio. Por la pentraĵoj Mildorfer uzis kuprogravuraĵojn kiel modelojn.

## Mildorfer kaj la Viena Akademio

En la mezo de la 18a jarcento la Viena Arta Akademio estis loko de la avangardo. Por mallonga tempo tie estiĝis la Viena Akademia Stilo, kiu testis la limojn de moviĝado, esprimo kaj lumo. Mildorfer estis partumanto de tiu evoluo, kiu kritikis la ĝisnunan konvenciojn.

## Komisiitaj verkoj

La subtenantoj de Mildorfer estis unue la eklezio, poste nobeloj kaj burĝoj. Tre ofte Maria Theresia kaj ties edzo imperiestro Franz la Unua mendis pentraĵojn kaj freskojn ĉe Mildorfer.

# Biografieto

| | |
|---|---|
| 1719 | Naskiĝo en Innsbruck. Baza edukado en la pentrejo de la patro |
| 1741 | Mildorfer gajnas la unuan premion en desegnado-konkurso. En la sekvaj jaroj li pentras en la pilgrima preĝejo Hafnerberg, 50 km sudokcidente de Vieno |
| 1742 | Unua premio en pentrado-konkurso de la Akademio en Vieno; batalbildoj de la Hered-orda Milito |
| 1743 | La Aŭgustina monaĥejo Neustift en Suda Tirolo mendas bildon por la alta altaro |
| 1747 | Morto de la patro; Mildorfer restadas en Innsbruck |
| 1748 | Unua imperiestra komisio – freskoj en la malnova Burga Teatro. Krome li laboras por la hercogino Maria Theresia Felicitas de Savojo ĝis ties morto en la jaro 1772 |
| 1751-1759 | Mildorfer iĝas por tri jaroj profesoro en la Akademio en Vieno. |
| 1751-1752 | Mildorfer pentras la plafonajn freskojn en pavilonoj de la bestoĝardeno Schönbrunn |
| 1753 | Mildorfer realigas la kupolan freskon de la Kapucina Preĝejo en Vieno – Hoher Markt, kaj aliajn freskojn dum la sekvaj jaroj |
| 1757 | Edziĝo de Mildorfer; nur unu el la ses infanoj travivas la fruan infan-aĝon |
| 1759 | Mildorfer ne plu rajtas viziti la Akademion. La kialoj estas nekonataj |
| 1762-1763 | Mildorfer realigas freskojn por Kärntnertor-Teatro (ĝi staris tie, kie nun estas la Ŝtata Operejo), en la monaĥejo Seitenstetten kaj en la kastelo Esterházy en Fertőd proksime de Neusiedler Lago. |
| 1775 | Mildorfer mortas pro hidropso |

La ekspozicio montras 55 objektojn: Pentraĵoj, skulpturoj, grafikaĵoj, arĥivaĵoj.

Kuratorino estas Maike Hohn.

Eldoniĝis katalogo, kiun realigis Maike Hohn kaj Stella Rollig, la ĝenerala direktorino de Belvedero.

Pliaj informoj en la germana kaj angla: www.belvedere.at/presse

## Prononcoj kaj klarigoj

Esterházy [ésterhazi]
Florian [flórian]
Franz [franc]
Hafnerberg, 50 km sudokcidente de Vieno
Ignaz [ignac]
Innsbruck [insbruk]
Johannes von Nepomuk, Johano de Nepomuko
Kärntnertor [kérntnertor], La iama Karintia Pordego en la urba muro de Vieno, malkonstruita 1861
Neusiedler See, Lago ĉe Neusiedl [nojsidl]
Neustift [nojŝtift]
Rochus [roĥus]
Schönbrunn [ŝönbrún]
Schwechat [ŝveĥat]
Sebastian [sebástian]
Seitenstetten [sajtenŝteten], 150 km okcidente de Vieno
Theresia [terézia]



Josef Ignaz Mildorfer: Panduro-tamburisto, ĉ. 1742-44, oleo sur ligno.
Aŭgustina monaĥejo Neustift, Suda Tirolo.

# Julia Isbrücker-Jaro 2020
# Invito al kunlaboro

2020 estos la 100a datreveno de la 12a UK en Hago (1920). Julia Isbrücker (kun-)organizis ĝin. La realigo de tiu kongreso pruvas, ke ankaŭ granda milito ne povas neniigi nian lingvon. Julia (kun-)fondis Internacian Esperanto-Instituton kaj Universalan Ligon kaj (kun-)eldonis la metalajn Stelo-monerojn, kies nominalo estas unu, 5, 10 kaj 25 Steloj.

Sur la arĝenta 100-Stela monero 2018 aperis viro (René de Saussure), tial sur la 50-Stela aperu ino. 2020 mi planas eldoni tian arĝentan 50-Stelan moneron (simila al la Maria Theresia-Taler) por la honoro de Julia.




Mi jam kolektas materialon pri Julia. Ekzemple oni povas tiun materialon uzi por vikipedia artikolo. La ekzistanta artikolo ĵus tradukiĝis en la persan.

La kolektita materialo aperos kaj en la formo de vikipediaj artikoloj en diversaj lingvoj kaj kiel presita broŝuro kaj en la formo de podofo.
Bonvolu sendi al mi tekstojn kaj fotojn de kaj pri Julia. En la fina eldonaĵo via nomo estos menciita.

Salutas el Vieno Walter Klag, esperanto@chello.at.

# Der Erfinder des universellen Geldes

Am 17. März 1868 wurde René de Saussure in Genf geboren.
Nach dem Studium der Sprachwissenschaft und der Mathematik verfasste er sein wichtigstes Werk „Über die Wortbildung im Esperanto”.
1907 publizierte René de Saussure das Projekt einer universellen Währung, die er „Spesmilo“ nannte. Aus dem französischen Wort „espèce" leitete er „speso" ab. Mil bedeutet 1000. 1 Spesmilo (Sm) = 10 Spescentoj (Sc) = 100 Spesdekoj (Sd) = 1000 Spesoj.




Diese Währung wurde offiziell von einigen britischen und Schweizer Banken verwendet. Der Spesmilo (Sm) hatte den Wert von 0,733 g reinem Gold und konnte wegen der Goldbindung leicht in andere Währungen umgerechnet werden: 1 Sm = 2 Britische Schillinge = 1 Russischer Rubel = 0,5 US-Dollars = 2,5 Schweizer oder Französische Franken = 2,5 Spanische Peseten.
Die Münzen zu 1 und 2 Sm waren und sind bis heute begehrte Sammelobjekte und verschwanden daher schnell aus der Zirkulation. Seit 1919 hat der Spesmilo numismatischen Wert.
1942 wurde in den Niederlanden die Universala Ligo gegründet. Diese Organisation trat für die internationale Verständigung und eine universelle Währung ein. Der Name dieser Währung ist Stelo (Esperanto: Stern; Mehrzahl Steloj). 1959 wurden Münzen zu 1, 5 und 10 Steloj geprägt, 1965 folgten drei Varianten einer 25-Steloj-Münze. Auch Papiergeld wurde herausgegeben. Die Steloj eigneten sich sehr gut vor allem für die Überweisung von kleineren Beträgen im internationalen Zahlungsverkehr. Auch diese Münzen und Geldscheine wurden eifrig gesammelt und sind heute sehr gesucht.




Zur 150. Wiederkehr des Geburtstages von René de Saussure am 17. März 2018 wurde eine silberne Medaille in Form einer Münze mit einer Nominale von 100 Steloj herausgegeben. Sie besteht aus 1 Unze Feinsilber 999/1000 (31,1 g), der Durchmesser beträgt 37 mm. Hersteller ist die Münze Österreich, eine Tochter der Österreichischen Nationalbank. Die künstlerische Feinarbeit stammt von Mag. Helmut Andexlinger, der Chefgraveur der Münze Österreich ist. Andexlinger leitet seit 2016 die Graveurabteilung der Münze Österreich. Er hat die Fachschule für Metalldesign in Steyr absolviert, danach studierte er Kommunikationswissenschaften an der Universität Wien. Zu seinen größten Erfolgen zählt das Design für die 2-Euro-Münze 2012, die in 17 Ländern in Umlauf ist; er gewann dafür einen Wettbewerb mit 800 Einreichungen.




Preis 49 € plus Versandkosten
Bestellungen: esperanto@chello.at

Abbildungen von Stelo-Münzen findet man bei Wikimedia Commons unter https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo

Walter Klag



# Internationales Esperanto-Museum

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730 💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.**



Im selben Haus befinden sich auch die
**Sammlung für Plansprachen**,
die
**Musikaliensammlung**
und das
**Globenmuseum**